Mutig vorwärts! ‘ ,Kuraĝe antaŭen‘

# Aŭstria Esperantisto

## (Österreichischer Esperantist)

Oficiala organo de Aŭstria Esperanto-Asocio

9a jaro. N-o 1 Monata Januaro 1932

Redaktejo: Wien, I., Neue Burg (Tel. R 27-803).

Administrejo: Bisamberg, Bundesstraße 154.

Konto bei der Postsparkasse D-123.826 u. 36.783 (Sparkasse Korneuburg).

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ Ŝ 4.88, germanlandanoj RM 3.25 alilandanoj sv. fr. 4.25; ponumere: por enlandanoj 45 aŭ. g., eksterl. 55 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

### Aus aller Welt.

Das Int. Esp. Museum erhielt für sein Archiv folgende Zuschrift, die hier veröffentlicht werden soll:

Allgem. deutscher Sprachverein
Der Vorsitzer.

Berlin W 8, 20. II. 1930.
Unter den Linden 4

An Herrn Fachlehrer Holder,
Teplitz-Schönau.

Sehr geehrter Herr!

Auf Ihre Anfrage erwidere ich Ihnen, daß ich selbst Anhänger des Esperanto bin, daß ich diese Schöpfung Zamenhofs für eine der größten Schöpfungen des menschlichen Geistes überhaupt halte und daß ich daher die in der „Muttersprache“ des Deutschen Sprachvereines ausgesprochene Ansicht nicht teile. Ich habe die Nummer nicht zur Hand. Aber Sie werden dort eine Anmerkung finden, daß nicht alle Mitglieder des Sprachvereines die Ansicht des Herausgebers teilen. Diese Anmerkung ist auf meine Veranlassung geschrieben worden. Ich werde darauf hinzuwirken mich bemühen, daß künftig auch so bedingte Verurteilungen des Esperanto in der „Muttersprache“ unterbleiben.

Indem ich . . . Ihr sehr ergebener
Dr. Jahnke, Ministerialdirektor,
Vorsitzer d. Deutschen Sprachvereines

**Lunatscharsky,** Kommissär für Volksbildung, USSR; „Unser Verhalten zur Einheitssprache Esperanto ist wohlwollend. Ebenso wohlwollend ist die Kommintern gesinnt, die viele Mitglieder-Esperantisten zählt.

Die Tatsachen sind hartnäckig und die Tatsachen sprechen für Esperanto. Die Esperantobewegung wächst mit unerschütterlicher Kraft und verwandelt sich in eine der ernstesten Phänomene des modernen sozialen Lebens.

Man kann aber nicht mehr leugnen, daß die Esperantisten, die sich als Wegbereiter zu den äusserst fortschrittlichen Formen des menschlichen Verkehres betrachten, in gewisser Beziehung nahe der großen kommunistischen Bewegung stehen und daß unter den Kommunisten oft sich ganze Organisationen der Esperanto-Bewegung anschließen.

Ich wünsche von ganzem Herzen der E.-Bewegung weitere Annäherung zu den fortschrittlichen Formen des Arbeiterkampfes und weitere Erfolge.“

(Der Arbeiter-Esperantist)

**Schweizerisches Post- u. Telegraphen-Amtsblatt** vom 4. XI. 1931, Nr. 48 veröffentlicht unter Nr. 267 die Neuausgabe der Lichtenstein'schen Postkarten mit Esperantotext.

**Tokio:** Die Pharmazeutengruppe an der medizinischen Fakultät der kaiserlichen Universität in Tokio hat soeben ein Lexikon der Medikamente nach dem System der japanischen Heilmittelkunde in Esperanto, japanisch, englisch, französisch, lateinisch und deutsch herausgegeben.

**„Istituto Fascista di Cultura“** in Brescia (Fascistisches Kulturinstitut) enthält auch dieses Jahr in seinem Programm Vorlesungen der französischen, englischen, deutschen, spanischen und Esperanto-Sprache und Literatur.

**Esperanto-Stenographie:** Im schweizeriscken Stenographie-Kongreß (System Stolze-Schrey) am 6. Juni 1931 gewann Direktor Kreuz vom Hauptausschuß der Intern. Esperanto-Bewegung in Genf, für Stenogramm in Esperanto mit 220 Silben den 2. Preis, in Deutsch (200 Silben) den 2. Preis und in Französisch (140 Silben) den 1. Preis mit fehlerlosem Stenogramm. Direktor Kreuz ist

Verfasser eines Esperanto-Stenographie-Lehrbuches (System Stolze-Schrey) und stenographiert in den Esperanto-Weltkongressen alle großen Reden mit.

**Charbin:** Die Ostchinesische Eisenbahn-Gesellschaft hat die meteorologischen Beobachtungen veröffentlicht, die an ihren Stationen von 1922—1929 gemacht wurden. Sie bestehen aus 2 Bänden von ungefähr 100 Seiten und sind in russischer Sprache und in Esperanto abgefaßt.

## XXIV. en Paris.

Imagu urbon, kiel Parizon, kie la bonaj cerboj de granda imperio estas ĉiuj kunigitaj en sama spaco, kaj per interrilatoj, luktoj, per ĉiutaga konkuremo, reciproke sin klerigas kaj altigas; kie tio plej rimarkinda, kion ĉiuj regnoj de la naturo, kion la arto de ĉiuj partoj de la tero povas oferi, estas ĉiutage atingebla de la studo; imagu tiun universalan urbon, kie ĉiu paŝu sur iu ponto, sur iu placo memorigas pri granda estinteco, kie je ĉiu angulo de strato montriĝas fragmento de historio. Kaj almenaŭ ne imagu al vi Parizon laŭ seninteresa, sensignifa jarcento, sed Parizon laŭ la 19-a jarcento, en kiu, de tri aĝoj de homoj, estuloj kiel Molière, Voltaire, Diderot kaj aliaj samuloj cirkuligis abundon da ideoj, kiujn nenie alie sur la tero oni povas trovi tiel kunigitaj, kaj tiam vi komprenos kiel Ampère, grandiĝanta meze de tiu riĉeco, povas esti klerulo je dudekkvar jaroj. Goethe

(Laŭ „La Movado", Paris)

**Dato:** 30. julio—6. aŭg. 1932.

**Adreso:** La Maison de France, 101, Avenue des Champs Elysées. Paris, VIII.

**Kotizoj:** 125 fr. fr.; post la 1. julio 200 fr.

Karavano aŭstria: La intencita karavano okazos, se la cirkonstancoj en nia lando pliboniĝos. Nuntempe eĉ ne estas eble, pagi la kotizon al Paris. Tion mi ankaŭ skribis tien. Kiu deziras veturi Parizon, nepre ŝparu la monon por la vojaĝo! Ni informos vin je ĝusta tempo pri la eblecoj kaj la tiurilate farita laboro. Steiner.

---

Nepre varbu por AE. La premion (Stengel aŭ Steiner „Wien") povas ankaŭ ricevi jenaj abonantoj, kies abontempo estas de 1931 al 1932. Ili sendu po 50 gr. Krome povos ricevi la premiojn, kiuj pagos **ĝis fino de januaro.**

**Die literarische Zeitschrift „Literatura Mondo"** in Budapest wird eine Enzyklopädie des Esperanto herausgeben. Die Vorbereitungsarbeiten sind im Gange. Ein Redakteur dieser Zeitschrift, der ungarische Parlamentsstenograph Kökeny ist derzeit in Wien, um einzelnes Material im Int. Esperanto-Museum zu studieren. Bedeutende Esperantisten sind Mitarbeiter.

---

## Int. Esperanto Muzeo en Wien

**Wien, I. Neue Burg, Heldenplatz.**
**Telefono n-ro R 27-803**

**Malfermata** labortage 9—12, 15—18 h; sabate 9—12 h.

S-ano **Kökény**, parlamenta stenografisto en Budapest, venis al Wien por labori en la Muzeo dum kelkа tempo. Li estas redaktoro de „Enciklopedio de Esperanto", kiun eldonos Literatura Mondo, Budapest, kaj trovis vastan kampon por sia laboro.

### Alvenis jena letero:

Prez. [illegible]o V. Polgar, Paris.

La 23. dec. 1931.

Al s-ro Reg. Kons. Hugo Steiner
ĉe „Intern. Esperanto-Muzeo"
en Wien.

Tre estimata samideano,

Mi sendas al vi per pakaĵeto kelkajn librojn por „Intern. Esperanto-Muzeo". Bedaŭrinde estas al mi tute neeble fari plenan elekton el la verkoj elirintaj el mia Centra Presejo Esperantista depost pli ol 27 jaroj. Mi mem ne posedas la tutan verkaron.

Sed komence de nun, mi metos flanken por la Internacia Esperanto-Muzeo en Wien po unu libro el ĉiu verko elironta el nia Centra Presejo Esperantista.

Absoluta devo de ĉiu Esperantisto estas laŭpove subteni vian grandiozan entreprenon. La historia same kiel la propaganda valoro de nia Muzeo neniam povas esti tro alte taksata. Gratulinda vi estas, Tre Estimata Samideano, por la belaj rezultatoj jam nun akiritaj, kaj danki ni ĉiuj vin devas por la oferoj, penoj kaj klopodoj senlace de vi farataj por la bono de nia Zamenhofa Esperanto. Samideane vin salutas

V. Polgar.

**Novaj membroj:**
**Int. Kuratora Komitato:**
**Peruo:**
Ildefonso Nunez, Lima.

**Dumvivaj membroj de IEMW** (S 15.— en 3 partpagoj, postulu ĉekojn!: Por alilandanoj sv. fr 12.50)

316. Julian Reichhardt, Udine, Ital.; 317. Ildefonso Nunez, Lima, Peru, Ameriko.

**Materialo ricevita:**

628. P. Flageul, Issy; 629. H. Sentis, Grenoble; 630. Hideo Shinoda, Tokio; 631. Uŝe Eho, Timisoara, Rum.; 632. J. Nakaniŝi, Fukuoka, Jap.; 633. Li Lok, Canton, Ĥinujo; 634. Norman W. Frost, Brownfield, USA; 635. Int. Cseh-Instituto de E., Haag; 636. d-ro W. Biehler, Graz; 637. Victor Polgar, Paris.

## „100.000 S Garantia Kapitalo“

Jam publikigita . . . . . . . . . . S 1093.15
El kotizoj . . . . . . . . . . . . . . 44.—
eutute S 1137.15

Por IEMW: Steiner.

## Esperanto permesita por mallongaj Radio-dissendoj.

Ministerio de poŝtoj kaj telegrafoj.
Nr. 66. 850-XI.-31

Praha, 26. okt. 1931.

Laŭ koncesiaj kondiĉoj submetataj ĉe ni al sendantaj Radio-amatoroj oni povas efektivigi la amatorajn Radio-sendojn sole en lingvo klara, kaj oni rajtas uzi interkonsentitajn signojn internacie enkondukitajn inter Radio-amatoroj.

Nenio do malhelpas, ke ĉeĥoslovakaj sendantaj Radio-amatoroj uzu dum sia sendado ankaŭ Esperanton, kiun oni devas konsideri lingvo klara.

Por la ministro: D-ro Burda, m. p.

---

Ĝis nun E.-sendadoj estis en iuj landoj toleritaj. Ĉeĥosloslovakujo donas nun klaran permeson por nia lingvo.

Laŭ raporto de Otto Ginz, Praha.

## Helena Respubliko refoje dekretis favore al Esperanto.

**La greka Ministerio de Kultoj kaj de Publika Instruado** eldonis jenan dekreton:

Ateno, 7. nov. 1931.

N-ro 65.896.

Pri instruado de E. al la Publikaj lernejoj ĝenerale, al la Instruistaj Altlernejoj de Mezgrada Klerigado kaj al la altlernejo de Eksperimentaj Sciencoj de Ateno.

Al

La Ĝeneralaj Inspektoroj de la Publikaj Lernejoj, la Direktoro de la Eksperimenta Altlernejo en Ateno, kaj la Direktoro de la Instruistaj Lernejoj de Mezgrada Klerigado.

Konsiderante la gravecon, kiun ĉiutage akiras en la civilizita mondo la lingvo internacia Esperanto, per sinsekvaj dokumentoj ni rekomendis al la Ĝenerala Inspektoro de la Publikaj Lernejoj de Ateno, ke li permesu al la Prezidanto de Esperantista Akademio por la Helena Respubliko, s-ro D-ro Anakreon Stamatiades instrui E.-on al la lernantoj de Gimnazioj kaj Instruistaj Institutoj de Ateno kaj Pireo, je horoj dum kiuj ili estas liberaj.

Lastatempe s-ro D-ro A. Stamatiadis nin informis, ke ankaŭ en aliaj urboj de Grekujo jam ekzistas personoj, kiuj povas preni sur sin la instruadon de Esp., kaj li petis, ke ni rekomendu al vi, ke vi donu vian apogon, por ke la instruado de la nomita mondhelplingvo komenciĝu ankaŭ ĉe vi.

Sekve ni vin petas, ke vi rekomendu al ĉiuj lernantoj, kiuj dependas de via Distrikto, sekvi la kursojn de Esp., gvidatajn de personoj laŭ elekto de Esp. Akademio por la Helena Respubliko. La ministro: G. Papandreon.

## Hispana instruministro por Esperanto.

50000 pesetoj promesitaj al Hispana E.-Instituto. S-ro Marcelino Domingo, ministro de publika instruado de Hispanujo, decidis, ke la budĝeto de la ministerio enhavu la sumon de 50.000 pesetoj kiel subvencion al Hispana Esp.-Instituto, por starigi liberajn katedrojn de Esp. pagatajn. Tiun ĉi promeson firme faris la ministro al parlamentano Francisco Azorin, nia samideano, kiu apartenas al la budĝeta komitato de la parlamento.

Ni gratulas al s-ro la ministro pro lia rekono de la graveco de Esperanto kaj danku lin!

Ni krome gratulas s-ron Azorin kaj nian malnovan pioniron Julio Mangada Rosenörn, prov. prez. de Hispana E.-Asocio. Steiner.

## Propagandvojaĝo en Eŭropo.

La ekvojaĝo okazos la 14. de januaro al Krakovo. La ĝeneralaj cirkonstancoj ekonomiaj en tuteŭropo ne estas favoraj kaj tio ankaŭ malhelpas ĉi tiun entrepenon de ICK.

Kiel antaŭtakton la sendito de ICK parolis la 30. de dec. pere de Radio-Wien, unue en germana lingvo sub la titolo ‚Eine Werbefahrt für Österreich‘ (Varbvojaĝo por Aŭstrio) por la germanlingva aŭskultantaro kaj poste en Esperanto al la samideanoj en la diversaj vizitotaj landoj kaj al la direktoro de ICK en Genève. La parolado daŭris pli ol 20 minutojn kaj laŭ ricevitaj leteroj, ankaŭ el Genève, ĝi estis kontentiga. La gazeto „Radio-Wien“ aparte raportis pri la vojaĝo, ties aranĝo pere de ICK kaj la subteno de niaj oficialaj administraroj; krome raportis Grosse kaj Kleine Volks-Zeitung, Oberöst. Morgenblatt, Salzburger Wacht, Salzburger Volksblatt.

## La Dua Kongreso de lingvistiko en Genève.

La Unua Kongreso okazis en Haag (1928), la Dua 25.-29. aŭg. en Genève.

En la programo la temo diskutota estis jena: „Kiu estas, laŭ vi, la rolo atribuenda, en la fariĝo kaj evoluo de la lingvoj (ĉefe en la formiĝo de la unuecigitaj lingvoj) unuflanke al la fenomenaj spontaneaj kaj al la senkonscieco kaj aliflanke al la interveno de la volo kaj de la pripenso?“ Aldono: „Kion vi pensas pri la alpreno de artefarita lingvo kiel helplingvo?“

Respondis pluraj lingvistoj (en la verketo: Deuxième congres international de linguistes. Propositions reçues en réponse aux questions qui seront traitées en séances plénières.) kaj en la kunsido de 26. aŭg. prof. Jespersen (Kobenhavn) legis la oficialan raporton, en kiu li kun plene objektivaj kaj konvinkaj rezonadoj substrekis la gravecon de la interveno de la konscio kaj de la volo en la t. n. naturaj lingvoj kaj resumis la argumentojn favorajn al artefarita lingvo, insistante, ke la lingvistoj devas interesiĝi pri ĝi.

Prof. Meillet (Paris), prez. de la kunsido, atentigis pri la graveco de la fakto, ke la problemo estas ektraktata de kunsidantaro de sciencistoj.

Prof. Collinson (Liverpool) parolis pri la problemo de la korekteco en artefarita lingvo; prof. Funke (Bern) pri la laboroj de IALA; prof. Migliorini (Roma) atentigis pri kelkaj sociologiaj flankoj en la problemo de L. I. kaj ĉefe pri la graveco, kiun havas vivanta artefarita lingvo kiel Esperanto kompare kun nur teoriaj projektoj.

La 29. aŭg. en la lasta kunsido prof. Sechehaye (Genève) ankoraŭ atentigis pri la graveco de la demando, konkludante, ke „L. I. estas necesa kaj iutage sukcesos.“

(Laŭ „Esperanto“, Genève)

---

AE aperos dum mia vojaĝo regule kaj raportos pri ĝi. Steiner.

## Esperanto en kongreso de anglaj optikistoj.

La 30. sept. 1931 okazis en London tiu kongreso, dum kiu estis farataj paroladetoj en kaj pri Esp. Por la ne-esperantistoj oni liveris presitajn anglajn tradukojn.

Jena rezolucio estis unuanime akceptata: „La kunvenantoj konvinkiĝas pri la dezirindeco de internacia helplingvo en la scienca sfero kaj precipe en la optometria fako, kaj opinias, ke oni devas fari definitivajn paŝojn por disvastigi la uzadon de Esperanto inter optikistoj.“

Komitato estis elektata por esplori rimedojn por organizo kaj starigi detalan planon: Prez. D. P. Boatman, vicprez. A. W. S. Raxworthy, sekr.-kas. E. W. Woodruff, 56, Falmouth Road, London S. E. I. Jarkotizo de Interligo Tutmonda de Optikistoj kaj Okulistoj angl. ŝ. 5.—.

## Esp. en Int. Kongreso por aŭtomobil-stratoj.

De 31. 8.—2. 9. okazis en Genève la 1. Mondkongreso por aŭtomobilstratoj, organizita de direktoro de Intern. Oficejo por aŭtomobil-stratoj Lainé, en la salono de Intern. Labor-Oficejo.

Malfermis la kongreson A. Thomas, direktoro de Int. Labor-Oficejo.

La 1. 9. direktoro Kreuz, kiu ĉeestis kiel delegito-observanto de la registaro de Liechtenstein, faris laŭ invito de s-ro Lainé (Paris) dekminutan paroladon en franca lingvo pri aŭtomobil-signalado kaj uzo de internacia helplingvo, elmontrante la utilojn de Esp., kaj submetis al la kongreso la sekvantan deziresprimon:

**Konsiderante, ke la turismo tiel por la intensigo de l' propagando kiel por la komforteco de l' vojaĝoj estos multe helpata per la uzo de la internacia helplingvo,**

**ke neniel povos esti demando, domaĝi al la naciaj lingvoj, kiuj estas ne-pereeblaj, sed ĝeneraligi specon de universala kodo de korespondado kaj de lingvo de interpretado inter la nacioj,**

**ke kunlaborantoj de la Esp.-Movado en pli ol 80 landoj de la mondo povas doni sian praktikan helpon,**

la konferenco esprimas la sekvantan deziron:

1. ke la turismaj kaj teknikaj grupiĝoj, interesitaj en la kampo de ĉi tiu kongreso, utiligu kaj etendigu en la intereso de vere internacia kooperado la uzon de Esp.,

2. ke la grupiĝoj, interesitaj pri la demandoj de ĉi tiu konferenco, antaŭvidu la laŭgradan enkondukon de Esp. kiel helplingvon apud la naciaj lingvoj por signalado (signoj, fostoj, afiŝoj, geografiaj kartoj, legitimacioj, pasportoj, triptikoj ktp.),

3. ke speciala komisiono okupu sin pri la teknikaj detaloj, rezultantaj el realigo de tiu ĉi deziro en mezuro de ebleco.

La parolado trovis bonan atenton de la seriozaj praktikistoj kaj la kongreso, kvankam ĝi ne havis apartan decid-rajton, tamen decidis, doni al la rezolucio la moralan apogon de la konferenco. (Laŭ „Esperanto", Genève)

## Esperanto Centro Itala.

Depost lasta oktobro la oficejo de E.-Centro Itala funkcias en la centro de Milano, en la granda galerio Victorio Emanuele (N-ro 2 92).

Granda skribo „Esperanto" estas videbla de ĉiu ajn parto de la galerio.

Celo estas starigo de unu komuna oficejo por ĉiuj italaj E.-organizacioj, por ke ĉiu — ĉu esp.-isto aŭ ne — sciu, kien sin turni pro esp.-istaj aŭ peresperantistaj informoj koncerne Italujon.

Sekve la adresoj de Itala E.-Federacio, Itala Instituto de Esperanto (kiu ĝis nun nomiĝis: Itala Katedro de Esperanto) kaj delegito por Eksterlando de Itala E.-Movado estas la supra.

E.-Centro Itala disvendas ankaŭ la ĉefajn italajn E.-eldonaĵojn.

Samideanoj, vizitante Milanon, eluzu la helpon de viaj italaj amikoj! Ili atendas vin ĉiun labortagon inter la 18 h kaj 19 h. G. Fachi.

---

Elkoran dankon al la amikoj, kiuj gratulis al mi je Novjaro kaj deziras bonan vojaĝon! Mi devas konfesi, ke mi tre ĝojas pri tiu signo de amikeco kaj rekono de mia laboro por Esperanto! Mi deziras al ili ĉiuj aparte feliĉan 1932! Steiner

## Radio-dissendado en Aŭstrio.

Halo, Radio Wien! Tuta Eŭropo konas tiun ĉi vokon, anoncantan la Radio-dissendaĵojn de Oesterr. Radio-Vekehrs A. G. (Ravag).

Ĝi ekservis la 1. de oktobro 1924. Rapide estis konstruata la sendilaro kaj nuntempe Radio-Wien disponas jam pri ses sendiloj, kiuj plejparte disaŭdigas komunan programon el Wien. Jen ili estas: Du ĉefsendiloj unu en Wien (20 kw, 581 kHz, 516,3 m) kaj 1 en Graz (9,4 kw, 851 kHz, 352,5 m); dependaj sendiloj en Innsbruck (0,6 kw, 1058 kHz, 283,5 m), Klagenfurt (0,6 kw, 662 kHz, 453,2), Linz (0,6 kw, 1220 kHz, 245,9) kaj depost fino 1930 en Salzburg (0,6 kw, 1373 kHz, 218,5). Ili ĉiuj estas kun la centro en Wien ligitaj per kabloj por transigo rekta de la sendaĵoj en Wien. Nur Graz havas en sia sendodomo parlejon taŭgan por prezentado de koncertoj kaj teatraĵoj je kelkaj vesperoj de la semajno.

La intereso por Radio estas tre vigla en Aŭstrio. La partoprenantaro rapide grandiĝis kaj atingis komence de 1931 jam pli ol 420.000. Tio estas despli ĝojiga, ĉar la etenditeco de la lando kaj ĝia enarbara situo ne estas ja tre oportuna por evoluo Radia. Malgraŭ la relative granda nombro da sendiloj ankoraŭ nun en kelkaj altmontaraj valoj la ricevo de niaj disaŭdigoj ne estas facile ebla. Tial la plibonigo de la teknikaj aranĝoj ankaŭ estonte ne haltos. Nova sendilego estas projektita, konstruota en la ĉirkaŭaĵo de Wien. Krome la nova sendstacio en Salzburg servu por studi detale la funkciigajn kostojn de malgranda sendilo. Se evidentiĝos, ke la funkciigo estas ebla pere de la kotizoj de la tujnajbaraj partoprenantoj, oni supozeble decidos la konstruon de kelkaj pluaj lokaj sendiloj en dense loĝataj regionoj, kiuj ĝis nun ne situas en la atinglimo de dependa sendilo.

Radio-Wien ne posedas propran domon, sed ĝi estas projektita. Provizore sendejoj kaj la administraj estas lokitaj parte en la centra domo de Ravag,

Wien, Johannesgasse, iama lernejo, kaj en luita parto de Ronacher-konstruaĵo, varieteo. En ambaŭ domoj ekzistas po unu granda sendejo por muzikprezentadoj kaj unu granda por teatraĵoj. Du malpli grandaj krome servas por paroladoj kaj malpli grandaj orkestroj, kiel ankaŭ por provoj. Sed krome ĉiuj grandaj koncertĉambregoj de Wien, la ŝtata operejo, la operedaj teatroj kaj ĉiuj grandaj sportejoj estas konstante ligitaj kable kun la centro, tiel ke la plej gravaj aranĝoj en muzika kaj sporta kampoj ĉiam povas esti disaŭdigataj.

Sed Radio-Wien ankaŭ atentas aktualajn aferojn. La bonaj telefoninterligoj en Aŭstrio ebligas en la plej multaj okazoj senpere al tiuj kondukiloj ligi la mikrofonon. Krome Ravag disponas propran sendaŭtomobilon (por mallongaj ondoj), kiu eksternorme bone funkcias. Per helpo de tiu veturilo estas eble priparoli ion, rapide veturante. La mikrofono staras aŭ sur la tegmento aŭ apud la direktilisto tiel, ke la parolanto ĉiam libere povas elrigardi. Ricevilo mallongonda en tiaj okazoj efektivigas la interligon kun la centro. Ĝi povas stari kelkajn kilometrojn distance de la veturilo kaj transdonas la sendaĵojn pere de telefonkablo, ĉie ja ekzistanta, al la sendilo.

Se la aŭstrianoj ludas honoran rolon en la rondo de la eŭropaj Radio-landoj, multe pli gravan ol pravigus la relativa malgrandeco kaj la loĝantarnombro, tion kaŭzas ne nur la teknikaj aranĝoj sed antaŭ ĉio la programo, kiu malnovan tradicion lerte kunigas kun moderna kreado. La reputacio de Wien kiel muzikurbo daŭradas, la verkoj de Mozart kaj Beethoven, de Schubert, Bruckner kaj aliaj majstro vivintaj en Aŭstrio, ĝuigas per Radio la tutan mondon. Regulaj disaŭdigoj el de la ŝtata operejo en Wien estas brilpunkto de nia programo. Ĉiun jaron pli multnombre la aranĝoj de la festludoj en Salzburg estas transprenataj de alilandaj sendiloj; pasintan someron ja ne malpi ol 53 eŭropaj stacioj partoprenis unu el ili.

Simfoni-koncertoj, prezentaĵoj de konataj kvartetoj estas egale zorge traktataj kiel la mondfama Wien-a muziko serena. Depost la tempo de Johann Strauss ĝis nun aŭstriaj komponistoj, kies dancoj kaj kantoj estas ĉiuloke ŝatataj, ankaŭ en tuta Eŭropo volonte estas aŭskultataj per Radio.

Multaj teatraĵoj ĉe Radio-Wien estis la unuan fojon prezentataj. La scienca programo impresas kiel tiu de popoluniversitato. Specialaĵo en ĝi estas paroladoj kun eksperimentoj. Kiom da intereso ekzistas por ili plej bone pruvas, ke antaŭ kelkaj monatoj tia parolado estis transdonata al 32 sendiloj en 5 ŝtatoj. Ankaŭ sportaj kaj aktualaj raportoj ofte eliras la limojn de Aŭstrio.

De l' komenco la gvidantaro de Radio-Wien ekkonis, ke la Radiodisaŭdigo havas valoran, la popolojn interligantan taskon en la servado al arto kaj kulturo. Ĝi konstante subtenis plej fervore ĉiujn klopodojn por internacia programinterŝanĝo. Ankaŭ en tiu punkto brile montriĝas la centre liganta rolo de Aŭstrio, kiun la naturo donis al ĝi per situo geografia kaj spirito de la loĝantaro. Ke oni ĝuste komprenis ĝin, klarigas kial la disaŭdigoj de Radio-Wien nuntempe en Eŭropo estas tiom ŝatataj.

**19. Japana E.-Kongreso** okazis 16.—19. okt. en Kioto. 500 partoprenantoj sub prezido de d-ro Jagi. Faritaj rezolucioj:

1. Kompili lernolibron por elementaj lernejoj;
2. eldoni nomaron de instruistoj de elementaj lernejoj, kiuj kapablas instrui E.-on;
3. sendi petskribon al la Ministro de Popola Instruado por la enkonduko de E en la elementajn kaj perfektigajn lernejojn;
4. fondi Kioto-E.-Lernejon kaj bibliotekon.

La Buddista fako decidis alprenon de E en fakaj lernejoj por Buddista propagando.

Oni vizitis la tombon de s-ro Nakano kun la E.-surskribo;

„Trankvile dormas ĉi sube
D-ro Cuiĉiro Nakano
Batalinto por Esperanto."

S-ano Masacugu Jamada, 8-jo Higaŝitoin, Kioto, eldonis serion da 8 vidaĵkartoj de Kioto kun E.-teksto. 3 serioj kostas sv. fr. —.50. (Laŭ „Oomoto Internacia")

---

**Kredu min! Kiuj ne atendas donacojn de la sorto, konkeris ĝin. Matthew Arnold.**

## La aŭstria Ligohimno en Esperanto.

Kiel konate „Das Kleine Volksblatt“ aranĝis konkursproponon por la plej bona traduko de la aŭstria ligohimno, vortoj de Kernstock. La arbitraciantoj elektis la tradukon de d-ro Franz Ellinger-Wien.

Hejma tero, daŭron benon
Havu vi per Di-favor'!
Belornamas la terenon
Verd' abla, spika or'.
Am' germana energi' —
Patriland', vi estas bela,
Dio ŝirmu vin, Aŭstri'!

Ne despoto, ne sklavuloj!
Ĉiu mi sub sama jur'!
Voj' libera por taŭguloj,
Por scienco kaj kultur'!
Nur antaŭen vi aspiro,
Sortobatojn venku vi!
Dio ŝirmu vin, Aŭstri'!

Firme marŝu ni senlace
Al la cel' er unu front'!
Ni laboru ĉiam pace
Por la savo de l' estont'!
Kaj la junaj sekvi penu
Prapatraron kun konsci'!
Hejma lando, Di' vin benu
Dio ŝirmu vin, Aŭstri'!

## Julio Baghy:

1. **Preter la Vivo**, Poemaro, dua eldono. (94 paĝoj), Budapest 1931, Literatura Mondo.

2. **Dancu marionetoj!** Novelaro, eldono de la aŭtoro, Budapest 1931. (174 paĝoj).

Julio Baghy, jam delonge lumanta stelo sur galerio Esperanta, estas mirinda ĵonglisto sur poezia kaj proza scenejoj. Doloro, indigno, ekscito, sopiro, rideto, malofte rido, plej ofte ploro sonigas la kordojn de lia instrumento — la lingvo Esperanto en **„Preter la Vivo“**. Super ĉio ŝvebas amo al nedifinebla lo malproksima; ĉu tio estas virinaj animo aŭ korpo, mondpaco, homeco aŭ la senlima naturo? Krome eĉ lo pli alta sennoma: estas la amo al amo. Fatamorgane ĝi logas la sentojn, vekas la kantojn konstantajn melankoliajn. Senfina amosoifo de l'koro, arda pasio, ĝemanta veo neniam trovas balzamon. Nature reala vivo ne estas vivo en ĉielo. La poeto Baghy sente vidas la ĉielon, sed ankaŭ vide sentas la vivon sur la tero.

En la kvar partoj de la libro: *Tra Siberio, Tra l'Oceanoj, Ĉe la Ruinoj, Kantantaj Kordoj,* nur ŝanĝas la loko, sed la samaj sentoj vibrigas la suferantan koron.

Sole tiu ĉi poemaro sufiĉas por pruvi al la tuta mondo, ke Esperanto estas vivanta lingvo, esprimkapabla ĉion, ĉion! —

Nun, mi prenu la prozan verkon de Baghy:

**„Dancu Marionetoj“** kaj rigardu la vivon, kiu estas ludanta kun ni marionetoj. lo pelas, skurĝas, sangvipas, ribeligas nin, tiregas al infera tero, lo alia sopirplorige ŝiras nin supren, foren al la senlimeco de la firmamento, al la diaĵa ĉielo.

Estas dekunu noveloj; algluiĝas al ili odoro de milito, de kaptiteco. Ne senintence, ŝajnas al mi, estas la novelo kun surskribo „Nur homo“ meze metita inter la aliaj; ĝi ne nur estas la plej longa, sed ankaŭ la plej grava. En ĝi kvazaŭ pintiĝas la eterna problemo pro kio ĉefe inspiras Baghy'on la muzoj. La problemo, kion mi volas esprimi per la du ekvacioj: amo=peko, amo= Dia donaco. Kiaj ideoj estas samtempe en la vorto amo, por ke ambaŭ ekvacioj estas ĝustaj, veraj? Oni ne aldonu al la vorto amo jen la vorto seksa jen la vorto anima por kredigi la problemo estas solvita. Tiakaze la moralo simple devus malpermesi la unuan! Baghy analizas, sekcadas. Pelas la sango. Pelas la koro.

Militkaptito ĉe Rusa sinjorino, bienposedantino, laboranta; — la edzo de sinjorino ankaŭ malproksime en milito — ambaŭ kune adultas post longa luktado kun si mem; la virino en spontanea certa decido akceptante la donacon de l'sorto, la viro ankoraŭ ĉiam baraktante an malespero kiel viktimo de l' sorto. Alie lia edzino hejme: ŝi lasis tuj ŝin altiri de la dummilita senmorala „nur unufoje ni vivas“.

La plej grandan venkon venkas la alia edzo. Li pardonas sian edzinon, ĉar Kristo eĉ Magdalenon levis el la polvo, kaj li mem entute rezignas por feliĉigi la paron.

„Ĉu Dio vi estas? . . . Dio?!“ demandas la unu emocie kun profunda danko; — „Nur homo“ . . . . respondas la alia, kaj ekiras . . . al nekonata celo.

Lud. Siedl.

## Gravaĵoj.

### Nia Manifesto.

20 grandaj ĥinaj E.-societoj dissendis tra la tuta mondo manifeston, kiu komencas per la vortoj: „Pro kaj pri la provokado kaj militinvado de japana armeo en Manĉurio ekde 18. septembro 1931 . . . . .“. Senpage haveblaj ĉe Hankoa E.-Asocio, Hankow, China, P. O. Box 54,

**La Tramista Poŝkalendaro por 1932,** eldonita de la centra instrukomitato de la libera sindikato de vienaj tramistoj, enhavas 6-paĝan propagandartikolon germanlingvan „Esperanto, die zweite Sprache des Volkes“ (E., la dua lingvo de la popolo).

(Laŭ „La Socialisto“)

La **Stenografoficejo de la Hungara Parlamento** dissendis enketan cirkuleron al ĉiuj parencaj oficejoj de la tuta mondo en Esperanto. Tiu ĉi oficiala kaj profesia uzo de nia lingvo rezultis kaj rezultos multajn interesajn fakinformojn pri la laboro, salajro ktp. de la parlamentaj stenografoj, sed ĝi estas samtempe ankaŭ bona propagando por Esperanto. Inter aliaj respondis la stenografa oficejo de la Aŭstria Parlamento.

**E. ĉe Sofia Blindulinstituto.**

De multaj jaroj E. estas instruata kiel nedeviga fako en la ŝtata Instituto por blinduloj en Sofia. La plimulto partoprenas la kursojn. La direktoro Vasil Stefanov subtenas la aferon. Nun la blindaj s-anoj intencos eldoni en Braila-skribo la lastjare aperintan E.-bulgaran vortaron de As. Grigorov. Ili danke akceptus monhelpojn por la eldono de la menciita vortaro. Ekrilatu al Asen Grigorov, lektoro de E., str. Oĥrid 80, Sofia II.

**Rozo „Esperanto“.**

Neŭtrala Centro de E. en Praha sukcesis, ke fame konata rozkulturisto Jan Böhm, Blatná, CSR., nomis novan specon de rozo „Rozo de Esperanto“. Nia rozo estas flavkolora, havas grandan potencan kaj bonodorantan floron kaj floras dum la tuta sezono eĉ dum diversaj temperaturoj. — Rozkulturistoj aĉetu nian rozon!

**Parolado de s-ro Frey pri la Nordaj Ŝtatoj.** Tre belan raporton faris Wochenschrift des Niederösterreichischen Gewerbevereins, Wien, en sia numero 49 de 3. decembro 1931.

**„La Socialisto“** komencis sian 7. jaron en nova, pli bela vesto. Ĝi estas la „Organo de ALLE kaj de Socialista E.-Asocio (Germanio)“. La nova numero estas ne plu oktava sed inkvarta kaj ampleksas 12 paĝojn.

## Ŝercangulo.

**Senhezita respondo.**

Blankhara sinjoro babilis kun amiko tute senhara.

— Neĝis sur via tegmento, diris la senharulo.

— Vere, diras la alia, sed ĉiuj tegoloj forflugis de la via.

(Laŭ „La Movado“, Paris)

## Aŭstria Esperanto-Asocio

Linz, Weissenwolfstr. 31

**Aŭstria E.-Asocio** deziras al siaj membrogrupoj, izolaj membroj kaj kunlaborantoj plej feliĉan Novjaron kaj petas samtempe je bonvola kunlaboro kaj subteno dum 1932.

---

**Ge-Morariu en Wien.**

Ili venos tuj post Pasko al Wien kaj komencos kursojn. — Intertempe d-ro Pfeffer gvidos unu kurson laŭ la sama metodo de januaro ĝis Pasko, do 2-monatan (Kotizo 5 S po monato). La partoprenantoj de ĉi tiu kurso povos frekventi (ili ĝuos rabaton) apartan kurson, kiun gvidos Morariu kiel perfektigan. Ni atentigas ankaŭ la s-anojn al tiu kurso, kiu donos al ili la bonan eblecon de perfektiĝo en nia lingvo je agrabla, kvazaŭ ludanta maniero. — La gazeto „Die Sprache für Alle“ aperos ĝis Pasko unufoje pomonate. Mendu po 40 je 1 S ĉe Laborkomitato, Wien IX. Löblichg. 3, kaj disdonu ilin inter via konatularo. — Laborkomitato en sia kunsido de 5. jan. ankaŭ decidis fiksi la kotizon por la tuta Morariu-kurso (dumonata) je 12 S. La kursanoj ĝuos por ĉi tiu kotizo senpagajn perfektigan kurson kaj membrecon al iu neŭtrala E.-societo aŭ al Katolika E.-Asocio en Wien por 1932 kaj du numerojn de AE, aperontajn dum la perfektiga kurso. Familianoj pagos po 6 S, senlaboruloj po 3 S. Varbu jam nun por la kursoj kaj anoncu la nomojn al Laborkomitato. — Por fortigo de la Funduso estas petataj kiel „Helpantoj“ ĉiuj s-anoj, kiuj — ankaŭ en partpagoj — pagos almenaŭ la sumeton da 5 S ĝis 1. de aprilo 1932.

---

**Zamenhof-memor-kunveno.**

aranĝita de „Laborkomitato“ okazis la 18. dec. en la kunvenejo de Unuiĝo, kafejo Kolowratring, kaj havis bonegan viziton. Parolis: Reg. kons. Steiner „Esperanto-tradicio“, f-ino Mantel „Die Hoffnung“ (Zwach), reg. kons. Stengel „E. en lernejoj“, prof. d-ro Jokl estis pro malsaneto malhelpita, d-ro Mildwurf. „Ĉu milito nepre estu rimedo por solvi interpopolajn problemojn?“, E. Werner „En amara horo“ (Kalocsaj), W. Mudrak „E. kaj la katolika junularo“, prez. Ĉech „E. kaj patriotismo“, f-ino Zich „Der Weg“ (Zwach), Franz Menacher „La vojo“, s-ino Likoser „Die Hoffnung“ kaj „Der Weg“ laŭ propra traduko, d-ro E. Pfeffer „La organizaj ideoj de d-ro Zamenhof“, f-ino Mihatsch „Warum, o Meister, hast Du uns verlassen?“ (Zwach) kaj „An die Brüder“ (Zwach), s-ino Biberle „Ho kial vi forlasis majstro kara“ (Zwach), f-ino E. Rudner „Das Gebet unter dem grünen Banner“ (Zwach), „Preĝo sub la verda standardo“ (Zamenhof), prez. Hovorka faris la festparoladon en konate lerta kaj interesa maniero, fine R. Foltanek „E.-literaturo“.

## Statistiko

pri artikoloj kaj notetoj en la aŭstria gazetaro. Ni supozas, ke en vero la nombro estas almenaŭ la duobla. Ni nur menciis jenajn, pri kiuj ni ricevis la koncernajn eltranĉojn de niaj kunlaborantoj. Ni ege petas ges-anojn en Graz, Klagenfurt, Lienz, Salzburg, Villach, Wien kaj aliloke, kie aperas gazetoj, je kunlaboro kaj sinanonco. AEA: Wannek, prez.

| | 1931 | Jän. | Feb. | März | April | Mai | Juni | Juli | Aug. | Sept. | Okt. | Nov | Dez. |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Braunau | Neue Warte am Inn | | 1 | | 1 | 1 | 1 | 1 | 3 | | 1 | 1 | 1 |
| Linz | Tagespost | | | | 1 | | 1 | 2 | 1 | 1 | | 3 | 1 |
| | Volksblatt | 2 | | | | | | | | | | | 1 |
| | Oberöst. Morgenblatt | 1 | | | | | | | | | | | 1 |
| | Tagblatt | | | | | | | | | | | 1 | 1 |
| | Oberöst. Arbeiter-Zeitung | 1 | | | | | 2 | 2 | | 2 | 2 | 2 | 2 |
| Leoben | Obersteirische Volkszeitung | | 1 | | | | | 2 | 1 | | 1 | 1 | 2 |
| Tamsweg | Tauernpost | | | | | | 1 | | 1 | | | | |
| Innsbruck | Innbrucker Nachrichten | | | | | | | | | 2 | | | |
| | Tiroler Anzeiger | | | | | | | | 2 | | 3 | | |
| Salzburg | Salzburger Volksblatt | | 1 | | | | 1 | | | | | 1 | |
| | Salzburger Chronik | | 1 | | | | | | | | | | |
| Krems | Landzeitung | | | 1 | | | 1 | | | | | 1 | 1 |
| | Volkswille | | | | | | 1 | | | | | | 1 |
| | Donaupost | | | | | 1 | | | | | | | 3 |
| | Niederöst. Volksblatt | 1 | | 1 | 2 | 2 | 2 | | | | | | 1 |
| | Kremser-Zeitung | | | 1 | 1 | | 3 | | 1 | 1 | 1 | 1 | 2 |
| Ried | Rieder Volks-Zeitung | | | | 1 | | | | | | | 1 | 1 |
| | Innviertler Zeitung | | | | | | | | | | | | 1 |
| Steyr | Steyrer Zeitung | 3 | 2 | 4 | 4 | 3 | 3 | 3 | 4 | 2 | | 3 | 1 |
| | Tagblatt | | | | | | | | | | | 1 | 1 |
| Wels | Welser Zeitung | | | | | | | | | | | | |
| | Welser Anzeiger | | | | | | | | | | | | |
| Voitsberg | Köflacher Wochenblatt | | | | | | 1 | | | | | | |
| Wien | Neues Wiener Journal | | | | | | | | 2 | | | | |
| | Reichspost | | | | | | | 1 | | | | | |
| | Heilig Feuer | | | | | | | 1 | | | | | |
| | Radio-Wien | | | | | | Esperanto-Sdg.-Anzeige | | | | | | |
| | Radio-Woche | | | 1 | | | | | | | | | |
| | Neue Freie Presse | | | | | | | | | | | | 1 |
| | Große Volkszeitung | | | | | | | 4 | 4 | 4 | 4 | 4 | 4 |
| Graz | Tagespost | | | | | | | | | | | | 1 |
| Klagenfurt | Kärntner Tagblatt | | | | | | | | | | | | 1 |
| | Freie Stimmen | | | | | | | | | | | | 1 |
| | Klagenfurter Zeitung | | | | | | | | | | | | 1 |
| | Freie Lehrerstimmen | | | | | | | | | | | | |
| | Kathol. Schulblätter | | | 1 | 1 | | | | | | | | |

### Scherer-vespero en Salzburg.

La 4. dec. Scherer vizitis la Salzburg-an E.-grupon. Dumtage li estis akompanata de grupfunkciuloj al la redakcioj de „Salzburger Volksblatt„ kaj „Salzburger Chronik". Vespere je lia honoro SEG aranĝis kunvenon en la salonego de gastejo „Sternbräu". Ĉeestis ĉiuj gegrupanoj kaj sufiĉe multaj gastoj. Prez. Stegmüller salutis la mondvojaĝanton, f-ino Binder deklamis belan salutpoemon (pro manko da loko ni bedaŭre ĝin ne povas publikigi!) en germana lingvo, verkita de prof. Scheirl. La longa, tre interesa kaj sprita lumbildparolado de la gasto ege entuziasmigis. Prof. d-ro Christanell dankis nome de la grupo. S-ano Scherer poste ankoraŭ restis en agrabla amuzo kelkajn horojn en nia mezo.

**Zamenhof- kaj Kristnaskofesto de SEG** okazis la 12. dec. en hotelo Wolf Dietrich. Prof. d-ro Christanell en belega festparolado laŭdis la amindan modestecon de nia Maj-

stro. F-ino Welz ĝojigis ĉiujn per ĉarma kantado, s-ro Huber akompanis ŝin sur la fortepiano. Sekvis lumigado de la kristarbo kaj fine gaja parto de la festo kun feliĉpoto kaj teatraĵeto „Um Himmelswillen, nur keinen Esperantisten!"

**Innsbruck:** Scherer parolis en Urania. 80 personoj ĉeestis. Poste li parolis en la klubejo. (30 pers.)

**Klagenfurt:** Scherer-parolado en Urania bone sukcesis. Gazetoj bone raportis. Urania promesis aranĝi venontjare E. kurson.

**Krems a. D:** Post Scherer-parolado komenciĝis kurso.

**Wien: E.-Soc. „Danubio"** ŝanĝis sian klubejon kaj kunvenas depost la 11. de jan. en la kafejo „Helenenhof", 7. Siebensterng. 42, ĉiulunde de la 20 h. La 18. I. parolos d-ro Pfeffer pri „nova vojo de moderna E.-propagando". Pro la grava temo ĉiu Wien-a s-ano venu. Sekvos debato. La 25. I. „Parolata gazeto" (Vasta, d-ro Pfeffer, Ĉech Irma Ultmann, Min. Mantel, Ella Rudner).

## ESPERANTO-SOCIETO POR STIRIO
Graz, VI., Schönaugasse 6.

**(1) 26. ord. Hauptversammlung des Vereines, 27. XI. 1931.** — Vorsitz: Obst. Hackl. — Teilnehmer: 7 Leitungsmitglieder, 3 Vertreter der OG Graz mit 5 Stimmen und zahlreiche Gäste; der Vertreter der OG Leoben hat sein Fernbleiben entschuldigt.

Aus dem Tätigkeitsbericht (Ergänzung des Berichtes der OG Graz, siehe 17 in AE 1931, Nr. 11): Die Vereinsleitung hielt im abgelaufenen Geschäftsjahr 8 Sitzungen ab; die Kassenführung wurde durch die OG Graz besorgt; die Vereinsmitteilungen wurden regelmäßig im Bundesblatt „Aŭstria Esperantisto" verlautbart. Mit den beiden anderen Grazer Esperanto-Vereinen, der OG Graz des Oesterr. Arbeiter-Esp.-Bundes und dem Esp.-Verein E. Peltier, pflegt der Verein ein freundschaftliches Verhältnis. An der Hauptversammlung des Oesterr. Esp. Bundes in Salzburg nahm der Verein durch Entsendung eines eigenen Vertreters teil.

Aus der Verhandlungsschrift: Tätigkeitsberichte erstatten die Vereinsleitung und die OG Graz und Leoben; die Berichte werden genehmigt, der Vereinsleitung wird mit Dank die Entlastung erteilt. In die neue Vereinsleitung werden gewählt: H. Oberst d. R. Karl Hackl (Vorsitzender), H. Willibald Rogler (Stellvertr.), H. Dr. Wolfgang Biehler (Schriftführer), H. Karl Bartel (Zahlmeister), Fr. Hertha Storm (Bücherwart), H. Rudolf Calisto und H. Karl Tumpach (Rechnungsprüfer), die Herren Benno Gindl-Leoben, Schulrat Franz Schöpfer-Voitsberg, Josef Turk und Fr. Magda Hallamayer (Beisitzer). Die Abgabe der Ortsgruppen bleibt gleich wie im Vorjahre. Als Vereinsorgan wird wieder der „Aŭstria Esperantisto" bestimmt; Pflichtbezug für die ord. Mitglieder der OG Graz. Die Mitgliedschaft beim Deutschen Esp.-Bund, Oesterr. Esp.-Bund, Landesverband für Fremdenverkehr in Steiermark und Grazer Urania wird aufrecht erhalten. H. Bartel berichtet zum Schluß über die Vortragsreise des Herrn J. Scherer aus Los Angeles und seinen bevorstehenden Vortrag in der Grazer Urania am 1. XII.

**(2) OG Leoben, ord. Vollversammlung, 18. XI. 1931.** Vorsitz: Obmann Benno Gindl. Auszug aus der Verhandlungsschrift: Nach dem vom Obmann erstatteten Tätigkeitsbericht hielt die Gruppe jede Woche einen Sprechabend ab; der in Obersteiermark besonders schwere wirtschaftliche Niedergang behinderte die Gruppe sehr an ihrer Propaganda- und Unterrichtstätigkeit. Die vom Schriftführer verlesene Verhandlungsschrift der vorigen Vollversammlung wird genehmigt, ebenso der Bericht des Zahlmeisters. In die neue OG-Leitung werden gewählt: H. Benno Gindl (Obmann), H. Postmeister Hans Puntigam (Stellvertreter), H. Karl Sternath (Schriftführer), Frl. Hella Weber (Zahlmeister). Als Vertreter der OG bei der Hauptversammlung des Vereines wird H. Gindl gewählt.

**(3) OG Graz, Mitgliedsbeiträge.** Bis 28. XII. sind die Beiträge von folgenden Mitgliedern eingelangt (2. Liste): Calisto, Engels, Gasperini, Fr. Hallamayer (Teil), Horneck, Lossos u. G., Marco, Ott u. Schw., Pernegg, Reg.-R. Storm u. G. u. T., alle für 1931/32.

**(4) Pressedienst.** Das Amt des Pressewartes (Esp.- und Landespresse) hat H. Dr. phil. Wolfgang Biehler, Graz, Albertstr. 13, übernommen. Den Pressedienst betreffende Zuschriften wollen nur an diese Adresse gerichtet werden. Bartel.

## Rimarkindaj presaĵoj

**„Viaj amikoj, la libroj"**, ilustrita katalogo de Heroldo, eld. 1931/32. Ĝi enhavas la eldonaĵojn de nia Heroldo kun mallonga informo pri la enhavo. Mendu! Aĉetu librojn!

**Heroldo de Esperanto-Köln.**

**Printempo en la aŭtuno** de Julio Baghy. 114 paĝo 1931. Ĉiu ŝatus tiun dolĉan, iom melankolikan „kanton de la amo", en kiu du trovitaj infanoj, fimanziano, kaj ciganino — iliaj nomoj estas Adamo kaj Evo —" renkontiĝas, demandas kaj respondas" kaj eksentas fine, ke „lo estas priplorinda en tio". La tuta verko eĉ estas pli ol nur sola rakonto priama, tion pruvas la alineoj sur paĝo 60 „Sur duobla vojo . . . ." kaj p. 88 „Jen la kaŭzo . .". La poemo de la amanto laŭ sia sentaro estas iomete parenca al la versaĵoj de la germana Banat-ano Lenau.

Ankaŭ laŭ lingva vidpunkto la ĉarma novelo treege kontentigos la legantaron. Ĉu la

esprimojn „lampofebro“ (p. 88) kaj „lakto-buŝa gimnaziano (44) oni komprenos ĉiu-lande, mi ne kuraĝas decidi. Certe inter-nacia vortludo estas „ne la logaritmo, nur la ritmo interesis lin“ (28). Iom nekutima estas la vorto „modestadi“ (la malo de „prangen“) Anstataŭ „post“ (7) mi preferus „malantaŭ“; „ekkuŝi“ (9) mi pro logikaj kaŭzoj prefere ne uzus kun akuzativo; „terurita“ (14) kaj „emocii“ (38) estu anstataŭataj per la formoj kun sufikso „-ig.“

D-ro fil. Wolfgang Biehler.

### Kvar novaj libroj el komunista agadcentrejo „Ekrelo“.

Oni povus deziri, ke niaj neŭtralaj E.-eldonejoj publikigu sammulte da literaturo. Inter la kvar novaj libroj, kiujn mi anoncu, du precipe estas karakterizaj por la mentaleco de komunistoj. En broŝuro „Moralo religia kaj moralo proleta“ la aŭtoro mokas anstataŭ pruvi. Ke la burĝaro protektas bestojn pli ol kelkfoje kunhomon, ke veraj kapitalistoj en kolonioj sklavigas indiĝenojn, ke faŝista estro troigas la zorgon pri moraleco, ke nombro da pastroj estas seksaj krimuloj: ĉi-ĉio ne estas argumento kontraŭ niaj ĝisnunaj moralleĝoj. Se la proletaro kondamnas imperialisman militon, samtempe aprobante klasbatalon, oni certe ne taksus tion indikilo de objektiveco. Kelkaj asertoj, ekz. rilate la religiemon de la ĉefaj kapitalistoj aŭ rilate la naturon de peko indulgenco eĉ estas malĝustaj.

La bulgara poemo „Septembro“ priskribas atakon, kiu malsukcesis post preĝo sed per kiu poste la batalantoj mem okupas la dian tronon. Ke homo anstataŭ je Dio kredas je alta idealo, ĉiu povas kompreni, sed diigi sin mem estas frenezaĵo. Oni bedaŭras, ke tiom da talento estas aplikata por sensenca ideo. Precipe la priskriko de la preĝantoj treege impresas.

Malpli partiemaj estas la du noveletaroj. Kelkaj rakontoj el la volumeto „La himno“ eĉ estas poeziplenaj, kvankam ne sentendencaj; precipe la unua kaj lasta (La siringo, Ĝardenisto). La „kunvertiĝoj“ de du aliaj noveloj ne estas psikologie tute konvinkigaj. En „La morto de Janulans“ precipe la unua novelo, laŭ kies titolo la tuta libro nomiĝas, estas interesa; la tria (lasta) ne faras tro grandan impreson, ke protektado ne estas programpunkto de sovetismo, montras la dua.

Fine mi indiku la pli gravajn lingvajn erarojn (la stilo de ĉiuj libroj estas sufiĉe bona). Moralo religia . . : P. 12 la kaŭzo de tio troviĝas en (anst. estas), p. 13 kondamnita por (al), bestece (brutale), p. 14 bazante sin sur ekzemploj (simple: laŭ per el la ekz.), p. 17 atingi ĝis (akuzativo!), p. 22 generale neniam (entute neniam), p. 23 en kompreno de . . . (en la senco de . . .), p. 26 buro en (de) p. 29 venko super (nun sekvu la akuzativo!). Septembro: P. 10 ĉe-staras nin morto (ĉirkaŭas . . . ), p. 16 komencas nun la tragedi' (nun komenciĝas. .), p. 18 al ĉie (anst. ĉien), p. 24 por estu (esti!)pafataj, p. 25 terurita (-igita). La Himno: P. 5 post lin (li), p. 7 ĉokoladeto (-peco), p. 9 mirita (vidu Sept. p. 25), p. 13 „radii“ ne estas transitiva verbo, p. 15 disreviĝo (e-), p. 23 „oni“ estu sekvata per singularo, p. 30 forgesi pri (se ne simpla akuzativo, almenaŭ la aferon pri . . . . .; samaj eraroj estas aŭstrismo „vergessen auf . . .“, komp. „sich besinnen auf . . . . “, kaj hebreismo „vergessen an . . . .“, influata per „denken, sich erinnern an. . . ). Morto de Janulans: P. 8 ankoraŭ oni jam diris, p. 9 kaj 17 kvazaŭ estu sekvata en moderna Esperanto de kondicionalo, p. 9 leviĝi ne estas transitiva verbo, p. 19 atendu, p. 20 li sciis por helpi, p. 21 k. 23 kiamaniere oni svingas „la barbon“ aŭ „per la ke“?, p 32 kvankam sed (anst. tamen . . .).

Diskutindaj estas jenaj parolturnoj. Septembro: p. 17 kugl' renkontas tuj oni. La Himno: P. 3 mondrigardo (pli bona — percepto), eventaĵo (okazaĵo), p. 20 varma batalo (akra), p. 29 duopo (eble: geulo, komp. la tradukon de Faust). Morto de Janulans: P. 26 balai (germ. „ausmisten“, ĉu internacie komprenebla esprimo?). Krome oni evitu eliminadon de pronoma subjekto. Tute kontentigas la esprimo (Morto p. 33) „ekmalesti-malaperi“. Mi ankaŭ aprobas la averton de la eldoninto, ke la stilo de ĉi-novelaro estas pli drameca ol tiu de multaj rakontoj aperintaj en Ruslando antaŭ la milito.

D-ro fil. Wolfg. Biehler.

**Eld. Soc. Esperanto, Stockholm.**

**Oevningbok till elemenärkurs i Esperanto** (Ekzercada libro por elementa kurso en E.), ellaborita de Sam Jansson, sv. Kr. —. 50, 1931.

La libro kompletigas la sukcesplenan kurson perkorespondan de Sveda E.-Federacio, al kiu sin anoncis dum la aŭtuno pluaj du mil partoprenantoj. Krome la libro estas uzota je la Radio-lecionoj E., kiuj okazos la unuan dimanĉon en ĉiu monato.

**La gramofona kurso en Esperanto** estas bone akceptata de la svedaj E.-lernantoj, ĉar oni per ĝi lernas la ĝustan elparolon. Pli ol 100 kursoj jam estis vendataj. La kurso konsistas el 3 diskoj, kiuj kostas kune 12 Kr. (por afranko aldonu 3 Kr.), kaj enhavas sur la unua modelan elparolon kun parte instruado por svedoj, sur la dua kaj tria nur en E. ekzemplojn el Fundamento kaj dialogojn.

**Texthälfte till Grammofonkurs i Esperanto** (Tekstlibro al la gramofonkurso) de Rektoro Sam Jansson enhavas la tekston de la diskoj en E. kaj sveda lingvo. Prezo 60 Oere. 1931.

**Novspeca propagandilo.** Ĝi konsistas el malgranda mondatlaso „La tuta mondo sur 14 landkartfolioj", uzata de diversaj firmoj kiel reklamilo. La eldoninto aldonis propagandan tekston pri E. kaj vendas ĝin je prezo de 35 Oere. Ĝi estas vendata kiel mondatlaso, ne kiel propaganda broŝuro E.

**La granda oficiala libro pri la polustragedio de Andrée** „Per balono al la Poluso" fariĝis granda sukceso. De la tuta eldono restas nur 100 ekzempleroj, kiujn la eldonejo konservos por la estonteco. (I estas ankoraŭ havebla ĉe Aŭstria Esperantisto).

**Slownik Esperancko -Polski i Polski Esperancki** de Leo Turno. Propra eld.: D-ro L. Dreher, Kraków, Starowislna 37. Prezo 1 Zl.; 1931; 32 pĝ.

Nia konata pola L. K.-ano Turno verkis malmultekostan vortareton E.-polan kaj polan E. an.

**Eld. „Scienco kaj vivo", Riga.**

**„La kaŭzo kaj la devo".** Traktaĵoj kaj rakontoj de Arvids Kurmis. 15 pĝ., 1931, prezo 1 resp. kup.

Anonco je la dorsflanko de la broŝuro petas alsendon de manuskriptoj unuigota; por almanako, kies tekston revizios konata esperantisto. Tiu korektisto laŭsajne nur parte korektis la libreton; ĉar ĝi enhavas en kelkaj de siaj partoj gravajn erarojn, precipe neuzadon de la akuzativo, komp. ordenoj p. 3, ĉio p. 5, konkurbatalo p. 9, salajroj p. 14. Krome oni diras „estas vere" sed „tio estas vera". Du erarojn kune oni korektu sur p. 9 „la formo de sindikato la stato (!) ne ŝanĝiĝas (!)". Ankaŭ „laboristaj delegitoj kunsido" ne estas ebla kunmetaĵoj oni uzu „kunsido de . . .".

La enhavo montras iom radikalan tendencon. Kelkaj partoj renkontos intereson, ekz. la deziresprimo, ke evoluiĝo de scienco ebligu antaŭdiron de katastrofoj, krome la ripeto de Zamenhof-a penso, ke unulingveco estus protektulo kontraŭ militoj, fine la vortoj pri fraŭlimposto, kiuj validas tiom longe, kiom oni preterlasas la animan vidpunkton de geedziĝo. La „trian eblecon" krom impostpago kaj edziĝo — ke monposedanta fraŭlo mem transprenu la zorgon pri fremda infano — Kurmis forgesis.

D-ro fil. W. Biehler.

**Eld. František Buhr, Praha.**

**Kantareto.** Aranĝis Jan Filip. Prezo 40 Pfg. 74 pĝ., 3. eld. 1931.

Tiu kantareto por ĉeĥaj esperantistoj katolikaj enhavas parte religiajn, parte popolkantojn. Inter la religiaj poemoj troviĝas preĝo je Venceslao, kelkaj liturgiaj kantoj (ankaŭ tradukoj de Tange Lingua, Te Deum kaj Stabat Mater) kaj versaĵoj je laŭdo de Maria. La famkonataj popolkantoj plejparte nur ampleksantaj malmultajn versojn, certe plaĉos ankaŭ al germanaj legantoj. La tradukoj laŭ vidpunkto de sia Esperantostilo estas bonaj, nur du nekutimajn parolturnojn mi volas noti: p. 47 poni la kapeton (germ. das Köpfchen hängen lassen) kaj p. 54 ĉu mi iru ĝin (la domon, komp. iri Berlinon). Da originalaĵoj la libreto nur enhavas la himnon kaj kelkajn sammelodiajn katolikajn variantojn. Ĝi estu rekomendata.

D-ro fil. W. Biehler.

## Kie oni renkontas E.-istojn?

**Graz.**

Esp.-Verein für Steiermark, Geschäftsstelle (oficejo) Schönaugasse 6/II, Vereinsheim (kunv.) Bürgergasse 4, Fr (v) 20-23 h.

**Linz.**

Oberösterr. Esp.-Verein: Gasthaus Stadtgut, Volksgartenstraße.

**Steyr:**

Oberösterr. E.-Verein: Gemeinschafterheim, Schlüsselhofstr., Fr. (v.), 20 h.

**Wien.**

Katolika Unuiĝo E.-ista en Wien, I. Freyung 6 (Schottenpfarrkanzlei) Mi (me) 18—20 h.

Esp.-Unuiĝo-Wien, I., Schubertring (kafejo Kolowrat) Fr. (v.) 19.30 h.

Esp.-Verein der städt. Angestellten Wiens IV., Schäffergasse 3, ĉiutage 17—19 h.

Vienna AkademiaUnuiĝo Esp. VIII., Langegasse 61 (Kafejo Lange), Mo (l) 19—23 h.

Esp.-societo „Fideleco", Café Zoglmann, XVIII., Staudgasse 1, Di (m), 16-19 h.

Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Regierungsrat Hugo Steiner, Bisamberg, Bundesstr. 154. — Presejo: S. Falk, Wien, XIII, Nobilegasse 4.